

# INTERNACIA FERVOJISTO

**2005.3**



***Revigliĝo de la fervojista movado en Pollando***

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# Por venonta jaro

**ne forgesu studi la eblecon partopreni**
**la 58-an IFK en Ŝanhajo**
**(6-a / 12-a de majo)**

**Allogan proponon prezentas la**
**Hungara Fervojista Esperanto-Asocio.**

**Kaptu la okazon por fari rondvojaĝon**
**en aziaj landoj.**

*Vidu la programon kaj la kondiĉojn*
*en IF 2005.2*

*Dank'al la helpo de nia ĉefkomitatano* Jindřich Tomíšek *kaj al la aktiveco de la prezidanto Wieslav Libner kaj de la diversaj membroj, pola esperanta fervojista grupo revigliĝas. IFEF varme laŭdas tiun eventon.*

**Enhavo**

# Internacia Amikeca Esperanto-Renkontiĝo

## *Centjariĝo de la Universala Kongreso de Esperanto Bulonjo-ĉe-Maro (25-30 marto 2005)*

Antaŭ 100 jaroj, 688 esperantistoj el la tuta mondo, kongresis en Boulogne sur Mer, ŝulde al D-ro Lazaro Zamenhof.

Ĉi jare, unu jarcenton poste, 520 esperantistoj el 23 landoj, denove renkontiĝis en la samaj lokoj.

Jam de pli ol du jaroj, la Organizata Komitato laboregis por organizi, en ĉiuj detaloj, tiun tutmondan renkontiĝon. Estis granda defio, kiu fariĝis grandega sukceso. Brave al ĉiuj etaj kaj pli grandaj formikoj, kiuj starigis tiun ne forgesitan feston de la frateco !

Deko da esperanto-asocioj, el kiuj F.F.E.A.(Franca Fervojista Esperanto-Asocio) partoprenis la renkontiĝon kaj dumtempe organizis sian propran jarkunvenon. Ankaŭ la estraro de I.F.E.F. partoprenis kaj kunsidis.

Por multaj fervojo-esperantistoj, la kunveno komenciĝis ekde vendredo matene, en la Nordo-stacidomo de Parizo. Meze de la homamaso atendantaj sian malfruiĝantan trajnon, multaj esperantistoj grupiĝis kaj gaje esperante babilis. Oni ankoraŭ retrovis ilin laŭlonge de la kajo kaj poste en la trajno: en ĉiuj veturiloj oni povis aŭdi la esperantan lingvon.

Sed, en Boulogne, elirante la trajnon, oni vere alvenis en Esperantujo! Ĉiuj anoncoj estis faritaj esperantlingve kaj, en la stacidomo, grupo da esperantaj fervojistoj konsilis kaj orientis la esperantistajn vojaĝintojn. Ĉiuj fervojistoj trovis sian rezervitan ĉambron en Etap'hôtel, lokitan proksime de la stacidomo. Oni iomete tualetis, rapide manĝetis, kaj tuj, je la 14-a kaj duono oni sin retrovis en la "Faïencerie", la kongresejon, kie la Ĝenerala Kunveno de F.F.E.A. komenciĝis.

Ne ĉiuj sukcesis alveni akurate sed, iom post iom, la malfruiĝintoj eniris la salonon Zamenhof.

Sylviane Lafargue, la prezidantino malfermis la seancon. Ŝi salutis kaj bonvenigis la ĉeestantojn. Ankaŭ Pierre Robiolle (Honora Prezidanto de F.F.E.A.) kaj Raymond Besson (prezidanto de la asocio "Cercle Littéraire des Écrivains Cheminots", alparolis la partoprenantojn.



Protokolo kaj agadraporto pri la jaro 2004 estis unuvoĉe akceptitaj. Jean Rolland raportis pri la grupagadoj. Kaj oni ekplenumis la elekton de la estraranoj: Bernadette Deschanel, Denise Happi-Fosso, Bruno Henry, Jean-Paul Legeard kaj Laurent Vignaud estis (re) elektitaj.

Raportoj pri diversaj aranĝoj kaj renkontoj estis faritaj, kiel I.F.E.F.kongreso 2004 en Sopron (Hungario) kaj la internaciaj skisemajnoj 2004 kaj 2005.



S-ino Magdalena Lelouey prezentis al ni sian projekton pri la Ĝ.K. 2006 en departamento Manche (Normandio).

Post kelkaj aliaj diversaĵoj kaj demandoj, la jara kunveno fermiĝis.

Ekde la fino de la kunveno, la fervojistoj piede aŭ buse iris al la restoracio de F2C (restoracio-lernejo), situanta 1km-on for de la kongresejo. Tie, abunda kaj bongusta vespermanĝo estis servita de junaj lernantoj, en tre agrabla etoso. Estis tiom da kunmanĝantoj, ke ili tute plenigis du grandajn manĝo-ĉambrojn.

Sabato estis la granda kaj solena tago, la inaŭguro-tago ! Ekde la 8-a kaj duono, la kongresantoj kuniĝis en la urban teatron. Tie, ankaŭ okazis la inaŭguro de la 1-a Universala Kongreso; tie, sur la sama sceno, paroladis D-ro Zamenhof antaŭ 688 homoj el 20 landoj. Dum tiu emociplena seanco, la reprezentantoj ŝtataj, regionaj, konsulaj kaj universitataj, la urbestro de Boulogne S-ro Cuvillier kaj S-ro Louis-Christophe Zaleski Zamenhof, nepo de D-ro Ludovic Zamenhof, siavice paroladis. S-ro Arno Lagrange tre bele deklamis la inaŭguran paroladon de D-ro Esperanto en 1905.

Poste, la tuta kongresarano defiladis kun la urba muzikistaro tra la urbocentro ĝis la placo Zamenhof. Antaŭ lia busto, okazis omaĝo al la kreinto de Esperanto kaj al la esperantistaj deportitoj mortintaj. Du bukedoj estis almetitaj kaj la himnoj sonoris.

Kaj la defilado daŭris tra la urbo ĝis la urbo-domo, kie ĉiuj kongresanoj estis invititaj de la urbestro al malavara kaj bongusta bufedo.

Posttagmeze, ĉiu povis elekti sian programon: ĉu konferencojn, ĉu viziton de la urbo.

Dum la vizito, la gvidistinoj de la Turisma Oficejo, piede kaj buse, montris al ni diversajn aspektojn de la urbo kaj de ties historiaj kvartaloj (grafa kastelo, mezepoka fortikaĵo, baziliko...) en la malnova urbo.

Vespere, la ne tro lacaj kongresanoj povis ĝui teatraĵon: "Familia etoso", surscenigitan de Arno Lagrange kaj Flavie Audibert.

Dimanĉe, la programo estis iomete



*Deponitaj floroj piede de la busto-steleo de Zamenhof*

malpli densa. Tamen, vespere ni povis aŭdi bonegan koncerton. La tute plena salono aplaŭdis la "nordfrancan", sed ankaŭ kaj ĉefe, "mondcivitanan" kantiston Jacques Yvart. Poste, la bretonaj legendoj, esperante tradukitaj kaj kantataj de la fama Esperanto-koruso Meven, kiel kutime entuziasmigis la spektantojn.

Lundo estis tago de la lingvoj. Raymond Besson, nelacigebla batalanto pri la prestiĝo de la franca lingvo, invitis nin pripensi al serioza demando: ĉu la angla lingvo estas la plej taŭga por fariĝi la universala lingvo?



Poste, D-ro Romano Bolognesi, itala, prezidanto de I.F.E.F., konferencis pri la lingvo-devenoj. Lia aŭskultantaro atente sekvis sian tre interesan prelegon.

Samtempe, eblis viziti la havenon kaj la domon de la "Beurière". Meze de la malnova kvartalo de la maristoj, supre de akruta ŝtuparo, tiu aŭtentika domo revivigas la simplan vivon de la tiuepokaj fiŝ-kaptistoj.



Vespere, la grupo "Les Soleils Boulonnais" prezentis siajn dancojn kaj kantojn, kiuj atestas pri la vivo de la maristoj dum la 19-a jarcento. Ni speciale ŝatis la kostumojn laborajn kaj ceremoniajn, kaj ĉefe la kufojn surportitajn de la maristaj edzinoj.

Marde matene, la fermo de la Kongreso okazis de la 9-a kaj duono ĝis la 12-a. De tiu momento, ankaŭ la kongresejo estis fermita. Dum la seanco de fermado, rezolucio estis proponita kaj aprobita post kelkaj demandoj kaj debatoj.

Posttagmeze, ni vizitis la turisman lokon de la "du kaboj", sed, malfeliĉe, la nebulo tute malpermesis vidi la panoramon.

Tamen, ni ne ekskursis vane, ĉar la traveturo de la pitoreska regiono alkondukis nin al bierfarejo, kie la bierfaristo klarigis al ni siajn tradiciajn farmanierojn. Kompreneble, oni gustumis, kaj ... aĉetis !

Vespere, je la 19-a kaj duono, multaj kongresanoj partoprenis bankedon en la restoracio "Auberge du Goulet", en la apuda urbeto "Pernes-lès-Boulogne". Dum la manĝado, muziko dancigis la kunmanĝantojn.

La lastan tagon, merkrede la 30-an de aprilo, ni sekvis la paŝojn de Zamenhof ĝis la sudorienta parto de Anglio. Ni veturis al Britio kaj revenis al Francio, uzante la faman trajnon laŭ la Sub-Manika tunelo.

Ni vizitis la urbon Folktestone kaj la mezepokan kastelon de Dover, tute perditan en la nubelo (la fama nubelo angla, kompreneble!)

La urbestrino de Folkestone tre afable akceptis nin en belega hotelo. Eĉ ŝi komprenis kelkajn frazojn en la esperanta, sen traduko!

Ni tagmanĝis en restoracio sed, vespere, la E.grupo brita oferis al ni malavaran bufedon. Malfeliĉe, prokrasto de la matena trajno, malebligis al ni spekti la antaŭzorgitan folkloran spektaklon .

Mi opinias ke ĉiuj konservos en sia memoro agrablan unusemajnan travivaĵon.

*Renée Gestin*

# IFEF-estraranoj kunvenis

Pli ol 500 ĉeestantoj partoprenis la gravan centjariĝan datrevenon de la 1-a kongreso en Bulonjo-ĉe-Maro.

IFEF-estraranoj kaptis la okazon por organizi tiuloke sian printempan estrarkunvenon. Ĉiuj estraranoj ĉeestis inkluzive de D-rino Rodica Todor IFEF vic-ĉefkomitatano kaj prezidanto de Rumana Esperanto Fervojista Asocio. Tiu kunveno okazis ĉe la stacidomo en ortangula salono prunte donita de la staciestro.

Dum du tagoj, sub la gvidado de D-ro Bolognesi, la partoprenantoj pristudis la diversajn punktojn de la tagordo. Ĉefe temis pri estonta evoluo de nia federacio koncerne la venontajn kongresojn, la ĝeneralan situacion en kelkaj landaj asocioj kaj ankaŭ la longdaŭrecon0 de nia federacio. Ĉiam ni bezonas novajn kunlaborantojn. En 2007 estrarbalotado okazos kaj jam ni devas pripensi la ĉiamecon de niaj agadoj. Alia tikla punkto ankoraŭ rilatas al la neceso havi agadajn kontribuantojn en ĉiuj landaj asocioj. Por kelkaj el ili la afero ne estas kontentiga. En Braŝovo ni starigos specialan kunvenon por atentigi niajn kolegojn pri tio.

Estranoj laboris sed ankoraŭ partoprenis en la programo de la kongreso. Tiel, nia prezidanto arigis 200 personojn okaze de sia prelego pri la evoluo de la skribo ekde la praatempo ĝis nun.

Kompreneble, estraranoj profitis la bonan etoson regantan en la bulonja esperantujo sed ankaŭ ĝuis la diversajn kulturajn spektaklojn, la viziton de la urbo kaj la tuttagan ekskurson al Britio.

Oni prognozas venontan aŭtunan kunvenon en Kroatio sub la responseco de Marica Brletić nia sekretariino.

*Jean Ripoche*



*Estraranoj starantaj antaŭ la teatro, kie okazis la unua kongreso en Bulonjo*

# Fervojaj novaĵoj

### *Holdingo ÔBB kaj planoj ĝis 2010*

Holdingo ÔBB kaj ties samnaturaj entreprenoj, unu el kiuj ankaŭ estas Rail Cargo Aŭstria, komencis ekde la 1-a de januaro 2005 sian konkretan ekspluatan programon, planita ĝis la jaro 2010. Oni planas ĝis tiam investi 9,5 miliardon da eŭroj, temas do pri la plej alta elspezo en historio de la entrepreno.

Vartrafiko, el tiu ĉi monsumo, ricevos nur sesdek milionojn da eŭroj jare. Laŭ ÔBB-administrado oni prognozas en fervoja trafiko kreskon nur je 1,5% jare. La fervojo, tiamaniere, kompare kun la ŝosea trafiko iomete perdos la parton de sia vartransporto. La plej granda parto de la investotaj monrimedoj - 7,5 miliardoj da eŭroj, estas tamen destinita cele al konstrui novajn liniojn. Pri kiuj linioj praktike temos, oni ankoraŭ ne decidis.

### *Desiro trakcios ankaŭ en Bulgarie kaj Ĉeĥio.*

Firmao Siemens apartenas al la plej grandaj elektroteknikaj konzernoj en la mondo. Ĝi aktivas en pli ol 150 landoj kaj dungis pli ol 426 000 fakulojn. Al ĝiaj modernaj fabrikaĵoj apartenas modernaj motortrajnoj tipo VT642 DB AG Desiro kun dizela movigo. Ili estas ekspluatataj de Germanaj Fervojoj DB AG, kaj ankaŭ de aliaj germanaj regionaj transportentreprenistoj, kiel Vogtlandbahn, Kahlgrundbahn, Nordwestbahn aŭ Lausitzbahn. Krom Germanio, tiu ĉi tipo ankaŭ trafikas en Danio, Hungario kaj Rumanio; laŭ kontraktoj tiuj ĉi trajnoj baldaŭ regule ankau trafikos en Ĉeĥio kaj Usono.

Lastatempe, la firmao subskribis la kontrakton por fabriki kaj liveri 25 trajnojn Desiro en valoro de 67 milionoj da eŭroj kun Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj (BDŽ). La subskribon de la kontrakto partoprenis la bulgara ministro de la trafiko Nikolaj Vassiliev kaj la kontrakto ankaŭ enhavas opcion (liberan plilongigon) por pliaj 25 trajnoj.

Ĉar tiu ĉi tipo de Desiro jam ricevis ateston pri trafika kapablo en Grekio kaj Rumanio, BDŽ povos utiligi ĝin ankaŭ en internacia trafiko.

### *Ĉu oni centralizos la konzernon DB AG?*

Germanaj Fervojoj DB AG deziras centralizi strukturon de la konzerno kaj ĉiun sian aktivadon kunigi en komuna centro, sub unu sola direktado. Kiel anoncis la estro de DB AG Hartmut Mehdom al siaj kunlaborantoj, DB AG anstataŭ ĝisnunaj kvin divizioj, estonte havos nur tri - la infrastrukturon, pasagertrafikon kaj tiun trafikan kaj logistikan.

Modelo kun pli svelta strukturo, kiu mallongigus la ofte longajn traktadojn kaj aprobadon kaj limigus la burokration, tamen ne ankoraŭ estas aprobita. Kontraŭ la propono akre protestas opozicio kaj partio de la verduloj, dezirantaj pligrandigi konkurencon ĉe la fervojo.

### Dua fervojkunligo inter Hindio kaj Pakistano renovigota?

Esperiga informo en sfero de fervoja trafiko kaj samtempe de internaciaj kontaktoj aperis en iuj fakaj gazetoj. Laŭ ĝi, oni planas renovigi trafikon sur la dua fervoja linio inter Hindio kaj Pakistano, kie trajnoj foje jam trafikis. Temas pri fervoja linio kun ŝpuro de 1 000 mm, kunliginta landlimajn urbojn Munabao en la hindia ŝtato Rajasthan kaj Khokhropar en la pakistana provinco Sindh, kie la trafiko finiĝis en 1965. Pri renovigo de tiu ĉi fervoja kunligo kontraktis la 2-an kaj 3-an de décembro 2004, en la pakistana ĉefurbo Islamabad, reprezentantoj de la Hindiaj kaj Pakistanaj Fervojoj. En la komenca periodo, oni planas enkonduki po unu trajnduopo en semajno, per kiu povus vojaĝi kvincent ĝis mil personoj.

Nesolvita tamen restas demando difini la daton, kiam la trajnoj sur la menciata linio ektrafikos. Unumetra ŝpuro ne estas konvena por ambaŭ administracioj kaj ili planas ŝanĝi ĝin per largŝpuro 1 676 mm, en Hindio kaj Pakistano jam vaste uzata, malgraŭ ke Hindiaj Fervojoj kapablas utiligi sian parton inter Munabao kaj la landlimo 2,5 km-ojn longa *trakonstrui kaj trafikebligi dum 6 ĝis 7 monatoj, ŝanĝo de la ŝpuro sur pakistana teritorio povas daŭri du jarojn, ĉar krom 7,5 km longa linioparto de la landlimo al Khokhrapar oni volas trakonstrui al largŝpuro 1676 mm ankaŭ 118 km longan daŭrigon de la linio el Khokhrapar al urbo Mirpur Khas.*

*(Laŭ Transportweb kaj Railway Gazette International)Preparis Jindřich Tomíšek*

### *Kroatio havas modernajn trajnojn*

Kroataj Fervojoj /HĴ/ ricevis de la firmao "Bombardier Transportation" ses el sume ok duvagonajn motortrajnojn kun kliniĝvagonkestoj de valoro 32,5 milionoj da eŭroj.

Tiuj ĉi trajnoj trafikos sur fervojaj linioj en relvojinterligoj Zagreb - marborda Adriatiko, precipe al Split, Sibenik kaj Zadar. Klimatizataj trajnoj havas 24 sidlokojn en la unua klaso kaj 110 en la dua. Ili estas ekipitaj per konektoj por komputiloj kaj telefonoj, videoinforma sistemo por vojaĝantoj kaj per minibaro. Per rapido de 160 km/h, ili traveturas distancon de 435 km inter Zagreb kaj Split en 5 horoj anstataŭ nunaj sep horoj kaj dekkvin minutoj.

### *Francaj fervojoj anoncas pli bonajn rezultojn*

Rezultoj de la Francaj Ŝtataj Fervojoj SNCF montras plibonigon. Kompare kun la malprofito de 318 milionojn da eŭroj en 2003. En 2004, oni atingis profiton de 51 milionoj da eŭroj. Per tio oni superis planitan rezulton de la tielnomata sannacia programo. Ankaŭ pozitivajn rezultojn atingas aliaj aktivecoj de SNCF, inkluzive de vartrafiko. Enkaj el-spezoj kreskis per kvar procentoj al 3247 milionoj da eŭroj. Malgraŭ ke, ekspluatada rezulto ankoraŭ montris ruĝajn ciferojn, kompare kun antaŭa jaro, ĝi pliboniĝis je 163 milionoj da eŭroj. Neta ŝuldoŝarĝo malkreskis je 57 milionoj al 169 milionoj da eŭroj.

### *Italoj donas esperojn al FS - Cargo*

Nova administrado de Italaj Ŝtataj Fervojoj FS deziras plialtigi trafik-kapaciton en libera konkurenco. Giuseppe Smeriglio, kiu venis al FS de kompanio TNT, deziras ŝanĝi malnovan koncepton de trafiko FS al prosperanta logistika kompanio. Por tiu ĉi celo FS - Cargo serĉas novajn kompaniojn, kiuj garantios servon "de domo al domo". Temas pri kompanioj Hanibal kaj Cemat kaj oni ankaŭ parolas pri"joint venture" / komuna entreprenado / kun aŭstraj fervojoj ÔBB kaj slovakaj fervojoj ZSSK.

Tarifo 4,7 eurocendoj por tuno kaj kilometro estas sur supra skalo de la eŭropaj prezoj, oni tial celas malaltigi la prezon je kvar cendoj. Jam en la jaro 2005 la enspezo FS - Cargo povus kreski per 10%.

Ankaŭ tempoj, kiam oni mastrumis kun malprofito de po 250 milionoj da eŭroj jare fariĝu estintan.

*Laŭ Transportweb*
*prilaboris Jindřich Tomíšek*

# Fondiĝo de la E.klubo « Amikeco » en Braŝovo (Rumanio)

Sabate, la 27an de februaro, kadre de la Semajno de Internacia Amikeco, en la urbo Braŝovo - Rumanio, fondiĝis la Esperanto-klubo "Amikeco", kiu funkcias en la Urba Kulturdomo "Reduta".




La fondintoj estas du grupoj de kursanoj, inter kiuj unu grupo(23 personoj) ĵus finis E-kurson por komencantoj kaj daŭrigos kiel progresantoj. Okaze de tiu evento ili ricevis diplomojn. La dua grupo (19 personoj), ekde la 1-a de marto, komencas studi Esperanton. Gvidis ilin s-ino Rodica Todor, la prezidantino de REFA (Rumana Esperanto-Fervojista Asocio, kun la sidejo en Braŝovo).

Tiu E-klubo kunigas novajn esperantistojn, kiuj helpos dum la 57-a Kongreso de IFEF (Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj), okazonta ĉi-jare, inter la 7 - 14a de majo, en Braŝovo, Rumanio.

Sur la foto oni povas rimarki, ke la klubanoj estas precipe junuloj kaj tio ege utilas al la refreŝigo de la E-movado en Rumanio.

*Rodica Todor,*

*prezidantino de REFA*
*prezidantino de la E-klubo "Amikeco"*

## Novaj dizelaj pasaĝeraj trajnoj

Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj (B.D.Ž.) aĉetis 25 novajn dizelajn pasaĝerajn trajnojn de la firmao "Siemens" el Germanio. Jam la unuaj du dizelaj motorvagonoj



estas liveritaj al Bulgario. Aliaj sekvos laŭ kontrakto ĝis la fino de 2005. Novaj trajnoj estas ekipataj per 123 sidlokoj kaj povas atingi la maksimuman rapidecon de 120 km/h. Laŭ la specialistoj, la trajnoj estas interne kaj ekstere perfektaj. Multaj novaj teknikaj rimedoj plenumas la sekurecon kaj la komforton de la pasaĝeroj.

Nun en Bulgario, malmultaj pasaĝeroj trajnveturas sur kelkaj linioj. Tiuj linioj ĉefe ne estas elektrizitaj kaj samtempe ne havas alternativan transporton.

Novaj trajnoj estas plej oportunaj por tiuj regionoj, kiel estas la celo de BD.Z. Ankaŭ gravas, ke trajnoj estas la plej ekonomiaj transporto-rimedoj.

La 22-an kaj 23-an de januaro, la novaj trajnoj faris demonstrativan veturadon en Norda Bulgario (Varna - Gorna Orjahovitza - Sofio) kaj sude (Varna - Burgas - Plovdiv - Sofio). Ekde 2006, B.D.Ž. ankaŭ ricevos laŭ la sama kontrakto, 25 elektrotrajnojn. Dum lastaj 17 jaroj, Bulgario, unuafoje, importis novajn trajnojn de nova generacio.

*Angel Yvanov Maglov*

***Funebro***

Ni havas la malgajon vin anonci la forpason de S-ro Schmit André la iama FISAIC-prezidanto. Li mortis en lasta septembro en lia 78-a jaraĝa. Dum multaj jaroj, li frekventis kaj apogis niajn IFEF-kongresojn.

IFEF prezentas al lia familio siajn sincerajn kondolencojn.

## Revigliĝo ĉe la polaj fervojistoj

*Per la helpo de nia ĉefkomitatano Jindřich Tomíšek la pola fervojista asocio revigliĝis dank'al la sindonemo de siaj membroj. Gratulojn al ili.*

Kelkaj fervojistaj agemuloj deziris restarigi esperantan fervojistan asocion en Pollando. Pro tio, ili aranĝis kunvenon okazintan la 11-an kaj la 12-an de marto.

Bedaŭrinde, en Pollando, pro la malbona vetero, kelkaj personoj ne venis malgraŭ aliĝo kaj, pli ol dek finfine ne decidis partopreni pro diversaj kialoj.

Nia ekskurso profitis al ni, sed ankaŭ al 130 fervojistaj turistoj el tuta Pollando veturantaj per 4 busoj. Ni vizitis dumvoje i.a. cistercianan monaĥejon en Ląd ĉe rivero Varta, gigantan sanktejon en Licheń kaj internojn de la palaco



*Survoje en arbaro antaŭ forvojaĝo al Ślesin dum la vintra renkontiĝo. De maldekstre: S-ino Piatek, s-ro Wolski, kun malhela ĉapelo s-ino Alina Dabrowska, la prezidanto inĝ Wieslaw Libner kaj s-ro Rikardo Piatek*



en Czerniejewo ĉe Gniezno. Ni ripozis en hotelo "Jasna Polana" en Ślesin. Kaj ĉi tie, sabate vespere, en konferenca salono, nia Pola Esperanto Fervojista Asocio havis inaŭguran plenan renkontiĝon. Ni havis honoron gastigi dum la tuta ekskurso estimatan sinjoron Jindřich Tomíšek - ĉefkomintatano de IFEF, kiu persone antaŭe, vere helpis revivigi nian Fervojistan Sekcion. Li ankaŭ prezentizis la historion de la fervojista esperanto movado kaj klarigis la statuton de landa sekcio. Do precize, ni laŭ programo, havis la taskon rekonstitui la PEFA-n. Post pli ol 3 hora debato, precipe pri taskoj en nia landa sekcio kaj pri la regularo ni elektis la estraron.

Do, la estraro konsistas el 5 personoj:

***Wiesław Libner*** (el Gniezno) - Prezidanto,

***Halina Sobiech*** (el Siedlce)Vice Prezidantino,

***Dorota Mączka*** - (Siedlce) Sekretariino,

***Alina Dabrowska*** - (Bydgoszcz) Kasistino,

***Maria Kowalczyk*** (Poznano) - Anino pri turismaj aferoj;

Ni ankoraŭ elektis respondeculon por la Terminologia Komisiono S-ron ***Witold Czerwiński*** (el Ostrów Wlkp).

Post la gravaj debatoj kaj elektoj,dank'al Sinjoro Jindřich Tomíšek ni kun atento rigardis videobendojn pri IFEF Kongresoj en Ołomouc kaj Tabor.

Dankon pro antaŭaj apogoj kaj sincerajn salutojn por la tuta Fervojista Esperantista Frataro

*Wiesław Libner- PL 62-200*
*Gniezno os. Kazimierza Wlk. 74*
w.libner@pkp.com.pl

Tel hejma.: +48-61-4268978
GSM: +48-601-703231

# Sed kio estas KAEST ?
## (Kolokvo pri Apliko de Esperanto en Scienco kaj Tekniko)

Kompare kun beletro en Esperanto, bedaŭrinde ne multas scienc-aplika faka literaturo, kvankam ĝuste ĝi estus ege bezonata. Konsciaj pri tiu grava manko, la du esperantistaj asocioj de la siatempa Ĉeĥoslovakio (la ĉeĥa kaj la slovaka) alterne aranĝis serion da seminarioj (fakte temis pri simpozioj!) kun la nomo "[Seminario] Apliko de Esperanto en Scienco kaj Tekniko" ([S] AEST). Okazis entute 7 tiaj aranĝoj, eksterlande bedaŭrinde ne sufiĉe konataj (1978 Žilina, 1980 Ústi nad Labem, 1981 Žilina, 1982 Česke Budejovice, 1984 Brno, 1988 Poprad, 1989 Straznice), kun ĉefe 50 - 70 partoprenantoj, foje tamen kun pli ol 100. Ĉiu aranĝo havis kadran temon el la vasta gamo de scienco kaj tekniko; kaj en aparta sekcio ĝi okupiĝis pri ĝeneralaj kaj specifaj demandoj de terminologio en Esperanto. Inter la traktitaj temoj ekz. estis raciigo, transporto, nutraĵproduktado, energio, komputiloj, vivmedio ktp. La prelegoj ne nur klerigis la aŭskultantojn sed ankaŭ montris aplikon de la koncerna faka terminologio. La aranĝoj estis bone organizitaj kaj vere altnivelaj, kaj la organizintoj eĉ sukcesis eldoni ĉiujn prelegojn en formo de modeste produktitaj aktoj, kiuj formas ankoraŭ nun bonegan fakaplikan kaj terminologi-rilatan materialon.

Tiun gravan tradicion de la SAEST-serio kun precize la samaj celoj post 1989, ekde la jaro 1998 ĉiun duan jaron, daŭrigas la profesia kongresa agentejo kaj eldonejo KAVA-PECH, sub la sperta gvido de d-ro Petr Chrdle, tamen kun eta kaj plene pravigita nomŝanĝo: "Konferenco pri Apliko de Esperanto en Scienco kaj Tekniko" (KAEST). Ĝis nun, okazis tri modele organizitaj KAEST-oj kun la ĉefaj kadraj temoj "Modernaj rimedoj de komunikado" (Prago 1998), "Ekonomio" (Prago 2000) kaj "Elektronikaj rimedoj" (Dobrichovice/Praha 2002). Ne mankis ankaŭ aliaj temoj kaj, kompreneble, sekcio, kiu aparte traktis problemojn de terminologio. Aparte

substrekendas, ke KAVA-PECH eldonis bonkvalite redaktitajn kaj presitajn prelegarojn, kiuj estas inkluzivitaj en la konferenc-kotizo, do sendita al ĉiu partopreninto. Ĉi-tiuj libroj ankoraŭ estas aĉeteblaj (info@kava-pech.cz, rigardu ankaŭ www.kava-pech.cz/kaest).

La prezoj de KAEST-oj estas moderaj, kaj la teknikaj kondiĉoj (prelegejo, teknikiloj, manĝoj kaj tranoktejoj) estas bonaj.

La 4-a KAEST okazis de la 12-a ĝis la 14-a de novembro 2004, denove en Dobrichovice, kun iom vastaj temkompleksoj: "Fake pri Esperanto kaj Esperante pri sciencoj".

Oni prezentis jenajn prelegojn (laŭ la vico de la prezento, klarigetoj enkrampe - Red.):

Dr. Detlev Blanke (DE): "Kio estas faklingvo?"

Dr. Heinz Hoffmann (DE): "Problemo de «nespecifa» speco (termino kaj sistemo de fervoj-faka nocio)

Wera Blanke (DE): "Pri terminoj el la Vikipedio - ekzemploj el la teatra fako"

Marc Bavant (FR) : "Apliko de XML al fakaj laboroj pri Esperanto".

Martin Minnich (SK): "Esperanto@Interreto "

Prof. Dr. Ottó Haszpra (HU): "La lingvaj kostoj en Eŭropa Unio"

Miroslav Malovec (CZ): "La Enciklopedio de Esperanto" (en elektronika formo)

Jan Werner (CZ): "Planlingvo" (kaj kion signifas/ signifu 'planiteco' en Esperanto).

Prof. Dr. Rüdiger Sachs (DE): "Parazitismo kaj parazitologio"

Bojidar Leonov (BG): "Evoluo de la internacia kaj ekologia turismo en Eŭropo"

Josef Hron (CZ): Ebloj por la elektronika prilaborado de la grandaj tradukaj vortaroj de Esperanto"

La prelegoj aperos libroforme. KAEST-5a estas planita por 2006 kaj eventuale traktos la temon "Lingvoj kaj fakoj en la reto".

*(Detlev Blanke)*

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*57-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
« co16919@iperbole.bologna.it »

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
« kozsu13@freemail.hu »

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
« marica.brletic@hznet.hr »

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
« Laurent.Vignaud@wanadoo.fr »

**Redaktoro**: Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
« jeanripoche@wanadoo.fr »

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
« esperanto@mail.dk »
SK: D-ro Heinz Hoffmann
« IFEF.B90Gr-mei@-online.de »
SK: Inĝ Ladislav Kovář
« ladislav.kovar@worldonline.cz »



# InPaSem
# (Internacia Paroliga Semajno)

## Kun la francaj fervojistoj, partoprenu la venontan InPaSem-on en Ĉeĥa respubliko

Internacia Paroliga Semajno okazos en la klubejo de la pensiono SOKOL en la urbeto DOBŘICHOVICE. Tiu urbo troviĝas je 8 km-oj sudokcidente de la limo de Prago, per trajno 23 km-oj el la praga ĉefa stacio (Praha hlavní nádraží), en la bela valo laŭlonge de la rivero Berounka. La urbeto havas proksimume 3 mil loĝantojn. Nur je 9 km-oj de ĉi tie troviĝas unu el la plej konataj ĉeĥaj kasteloj Karlštejn, proksima ankaŭ estas Bohemia Karsto kun la grotaro de Koněprusy.

**Loĝado:**

Ĉiuj partoprenantoj loĝos en la pensiono SOKOL, kie okazos ankaŭ InPaSem 2005. La pensiono disponas du- kaj kvar-litajn ĉambrojn, ĉiu ĉambro enhavas proprajn duŝejon kaj necesejon. La klubejo troviĝas en la domo mem.

***Por pliaj informoj, bonvolu sin turni al :***
**http://www.kava-pech.cz/**

*Fervoja Koresponda Servo*
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*